

# PENSEO

*N-ro 153*

*julio/2004*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 15-a jaro http://www.elerno.net/penseo.htm


## Aĥ, Aĥ Verda Stelo

### dediĉita al la 89-a UK

**Shi Hongsheng**

En la vasta noktĉielo,
vi ja estas brila stelo,
inspektanta l' belan homarrondon
k' dolĉan songon de la mondo.
En la navigad' transmara,
vi 'stas lumturo klara,
direktante min for de danĝeraj rifoj
ĝis la bordo sen insidaj klifoj.
Aĥ, aĥ verda stelo,
vi 'stas lumo kaj espero.

Sur la vasta tero,
vi 'stas arda ja fajrero,
kisadante mondon la miraĝan
kaj l'pejzaĝon tervilaĝan.
Dum la vojaĝo fora,
vi 'stas la staci' varmkora,
min iganta frost-libera
jen en amikec' sincera.
Aĥ, aĥ, verda stelo,
vi 'stas paco kaj fidelo.

elĉinigis **Lumeto**

## Omaĝe Al La 89-a UK

**Li Changlu**

La mirinda kaj pompanta UK
Estas la kongreso sen traduk'.
Homoj jen parolas lingvon nuran
Kaj prezentas voĉon la plezuran.
Inter ni foriĝas naci-lim',
Ĉe ni restas riĉe nur estim'.
Kongresanoj gajas de la festo,
Kiun ĝuos ĉiam ni pro l' esto.

Venas vi de l' hejmo en Azio,
Kaj mi ĝoje el Oceanio,
Kaj Li malproksime de Eŭrop' ,
Flugas de Afrik' ŝi kun galop' .
Batas eĉ en Amerik' la koro
De esperantistoj kun fervoro.
Kolektiĝas ni el tuta mond'
Cele por la amikeca fond'.

Ni esprimas sentojn en babil',
Vi ne krokodilu kun voĉtril'.
Vi ne timu pro balbuta buŝo,
Ĉiu ja eklernis kun vortfuŝo.
Uk-o rolas kiel famili'
Granda , fratoj estas ĉiuj ni..
Dancu ankaŭ kantu ni ridante,
Firmas amikeco ja konstante..

La espera lingvo — Esperanto
Pluen marŝu jen sub l' Ĉina Banto*.
Novan senton ligas l' antikvuj',
Urĝas ege puls' de l' koro tuj.
Firmamente brilas Verda Stelo,
glitas mare l'esperplena velo..
Dissemiĝas ĉien la esper',
Kreskos pompe verda la afer'.

*ruĝa korforma plektaĵo simbolanta bonaŭguron.

2004-6-24

## Tremantaj okulharoj

**Vadant**

Nur tiel hasteme sendinte rigardon,
Leĝere vi klinas jam viajn okulojn,
Ĉu por kovri kore ekaman la ardon?
Ĉu por suben premi elsentajn la hulojn?

Eble por nenio aspektas ĉi tio,
Jen ĉio okazas verŝajne en ordo,
Samkiel en vento printempe folio,
Samkiel ondetoj frapantaj ĉe bordo.

Tamen okulharoj leĝere tremantaj
Eldiras el koro jam ĉion kristalan.
Jen estas sovaĝanseroj elegantaj
Skribante ĉielen sinceron lojalan.

## Bingxin（1900-1999）



* ĉina moderna verkistino

superhomo

He Bin estis malvarmkora junulo. Li estis neniam rimarkita komunikiĝi kun aliaj ĉirkaŭ si. En la etaĝdomo, kie li loĝis, vivis multaj liaj najbaroj, sed li donis nenian atenton al ili. Li eĉ ne prenis manĝon en la sama kantino kune kun ili. Okazis, ke li renkontis ilin, kaj li ne facile interŝanĝis salutojn kun ili. Kiam poŝtisto venis, multaj junuloj ĝoje kuris por ricevi siajn leterojn, sed li havis nenian leteron. Li ĉiam fermis sian buŝon, escepte de la tempo kiam li interŝanĝis sian opinion kun liaj kolegoj pri la aferoj en la oficejo kaj de tiam kiam li eligis kelkajn dankajn vortojn al la dommastrino anjo Cheng, kiu alportis manĝojn por li.

Sen ajna kontakto kun aliuloj, li eĉ ne ŝatis ion vivantan. En lia ĉambro vidiĝis nek floro nek herbo, malviva kaj dezerta kiel en kaverno. Nur bretoj estis plenŝarĝitaj per libroj. Kiam li revenis de la oficejo kun klinita kapo, li enpaŝis la ĉambron, fermis la pordon, deprenis la ĉapon kaj sidiĝis ĉe la tablo. Preninte libron, li foliumis sencele, kaj kelkfoje, kiam li sentis lacon, li stariĝis kaj paŝis tien kaj reen, aŭ tirmalferminte la fenestran kurtenon, li faris rigardadon, kaj post iom da tempo, li ĝin fermis.

Anjo Cheng estis traktita de li alimaniere. Kiam ŝi alportis manĝon en lian ĉambron, ŝi, kelkfoje starantes apude, parolemis al li, demandante kial li vivas sola. Post multe da ŝiaj paroloj, li respondis per tia parolo, kia “La mondo estas malplena kaj la vivo estas senkonscia. La kunesto de homoj, universo kaj aliaj estaĵoj estas nenio alia ol dramo. Sur la scenejo oni estas intimaj gepatroj kaj gefiloj, sed malsuprenirinte la scenejo, ili deprenis maskojn kaj disiĝis en diversaj direktoj. Tio ankaŭ aplikeblas al plorado aŭ ridado. Oni preferu forlasi unu de alia ol teni ligojn inter si. Kaj Niĉeo bone diris, ke amo kaj kompato estas malbonoj...” Kvankam ŝi ne plene komprenis kion li diris, ŝi tamen eltiris iom da kompreno el lia parolo. Ŝi diris, ridetante, “Se tiel, kian signifon havas via vivado? Estas pli bone morti aŭ perei. Kial oni devas sin vesti aŭ sin manĝigi?” Kun rideto, li respondis, “Se tiel, ĉu oni ne alte taksas sin mem kaj la mondon? Estas pli bone, ke oni vivu rezignacie kiel kurantaj nuboj kaj fluanta akvo.” Kvankam ŝi volis paroli plu, tamen, vidinte lin kapklinite sin manĝigi kun apatia vizaĝo, ŝi ne aŭdacis eligi vortojn.

Tiun nokton li subite vekiĝis. Aŭdiĝis trista ĝemado sube. La doloraj sonoj intermite kaj persisteme tremadis en la kvieta nigra nokto. Kvankam li ne naskis ajnan kompaton, li tamen ne sukcesis endormiĝi pro la ĝemado. Lunlumo, kiu akve verŝis tra la fenestra gazo, rememorigis lin pri multaj aferoj en lia knabeco — afabla patrino, steloj sur la ĉielo, floroj en la korto... Lia cerbo ekstreme laciĝis kaj li penis elpuŝi tiujn penserojn, sed male tiuj penseroj svarmis seninterrompe ĝis tagiĝo, kiam li ekhavis dormeton.

Dum sinsekvaj tri noktoj li aŭskultis al ĝemoj, ririgardis la lunon kaj mediti pri la pasintaĵoj. Dormado kaj manĝado perdiĝis en malordon — li ekhavis bluringajn okuojn kaj

palan vizaĝon. Kiam li okaze rigardis en spegulon, li sentis eta surpriziĝon. Li tamen mekanike faris sian rutinon. Tamen en lia malplena cerbo abrupte aldoniĝis malsanulo en profunda nokto.

La sepan tagon kiam li ellitiĝis en la frua mateno, li subite demandis al anjo Cheng, kiu estas la malsanulo sube. Ŝi mire respondis, "li estas la knabo Luĉjo kiel aĉetisto de la kantino. Tiun tagon, li eliris kaj oni ne scias kiel li falvundis sian feruron. Li kuracis sin per plastro, sed tio ne efikis. Li estas la ĉiunokta ĝemanto. Vere kompatinda, li aĝas nur dek du ĉijare. Li estas tre laborema kaj zorgema..." He Bin sin vestis kaj sin ĉapigis, kaj paŝis al la pordo, kvazaŭ li ne aŭdus la rakontadon. Haltiginte sian vortfluon, ŝi ekprenis manĝilojn kaj pretis elpaŝi. Tiam li elpoŝigis bankbileton malrapide kaj donis ĝin al ŝi, dirante, "Donu ĝin al Luĉjo por kuraci sin ĉe kuracisto." Dirinte tion, li eliris sen turni kapon. Vidinte la enorman nombron sur la bankbileto, ŝi ŝtoniĝis je lia neatendita konduto de kompato.; Kun manĝiloj en la mano, ŝi distriĝeme staris ĉe la pordo.

La sonoj de ĝemado mallaŭtiĝis iom post iom kaj la luno krescentiĝis. Tamen lia cerbo ankoraŭ troviĝis en svaga stato: afabla patrino, steloj sur la ĉielo, floroj en la korto...

(daŭrigota) elĉinigis **Vejdo**

# Rakonto pri Knabo kaj Knabino

**Chen Yulong**

Jam du tagojn la knabino kuŝis en la lito sen preni manĝojn kaj trinkaĵojn. La tielnomata edzo kaj tielnomata bopatrino iris multafoje al ŝi por persvadi ŝin sin manĝigi, sed ŝi neniel obeis.

La knabino estis trompe vendita ĉi tien de sur la trajno, sur kiu ŝi vojaĝis sen scio de siaj gepatroj. Tiun nokton sub la perforto de grupo da lupsimilaj viroj ŝi estis subpremita en la lito de la tielnomata edzo. Ek de tiu momento, ŝi eksentis, ke ŝi troviĝas en alia mondo kaj ke vivi aŭ morti ne gravas.

La trian tagon ŝi ankoraŭ ne volis manĝi aŭ trinki, kaj nur levis sian kapon por rigardi al la mallarĝa spaco de la ĉielo.

Tiun saman tagon melankolia knabo venis al ŝia lito. Li diris, ke ŝiaj poentoj por enirekzameno estas nur dek poentojn malpli ol la varba postulo kaj liaj dudek malpli. Ŝi tuj kaptiĝis de ekmiro, ne atendante, ke li eldiris tiujn vortojn. Li honteme klinas sian kapon, dirante, "Pardonon. Mi kaŝlegis vian taglibron. Estas mia frato, kiu donis ĝin al mi."

Li aldonis, "Kia hazardo! Ankaŭ vi havas dek ok jarojn." La knabino sentis korpremon. Tion kompreneble li ne povis rimarki.

"Mi scias, ke vi havas ion por diri. Elmetu kiajn ajn postulojn kaj ni ilin diskutos." Li aspektis maldika kaj febla, sed kun orelplaĉa voĉo. Ŝiaj lipoj movetis, ne eligante voĉon.

Li kompreneme ohis kaj eliris. Preninte plumon kaj paperon el sia ĉambro, li revenis kaj diris, "Mi scias, ke vi ne volontas diri, kaj ankaŭ ne povas eldiri. Skribu do."

Post momenta stuporo, ŝi tuje ekprenis la plumon el lia mano. Ŝi skribis rapide linion da vortoj kaj redonis ĝin al li. Sur la papero skribiĝis tiuj vortoj: Mi volas hejmeniri! Mi volas hejmeniri! Mi volas hejmeniri!!!

La knabo ne povis bridi sian tremadon. Post longa silento, li diris, "Ĉu vi povus hejmeniri se vi nek manĝas nek trinkas?"

Ŝi abrupte faris sidan pozon kaj fiksrigardis lin, "Ĉu vi promesu al mi?"

Li tuj mallevis sian kapon panike kaj eliris.

La knabino turnis kaj returnis tiujn vortojn la tutan nokton, naskante radion da deziro por vivi. De la sekvanta tago, ŝi komencis sin manĝigi.

Ŝia sinteno altiris atenton de la tuta familio kaj eĉ tuta vilaĝo. De tiam la knabo ne plu alparolis al la knabino. Nur ĉe manĝtablo, ŝi vidis lin sin manĝigi melankolie. Iom post iom ŝi eltrovis, ke lia malsukceso en enirekzameno perdigis lian pozicion en liaj familio kaj vilaĝo.

Vidinte, ke li kovas memhumilecon, ŝi tuj ekhavis senton de samsortulo. Kiam ŝi rememoris pri sia tiama aŭdaca forlaso de la hejmo kaj pri hodiaŭa dilemo, pluvis ŝiaj pentemaj larmoj. Ŝi ĉiam penis trovi la ŝancon por eskapi, sed vane.

Tagon post tago ŝi brulis de malpacienco.

Iun nokton, la knabo malŝlosis la pordon de la knabino per la ŝlosilo konfidita de sia frato. Ŝi ĵus senvestinte kuŝiĝis en la lito. Vidinte lin, ŝi instinkte protektis sian korpon kaj kriis panike, "Kion vi volas fari?" Li diris, "Ne parolu laŭte. Mia frato ne revenos ĉinokte." Ŝi elprenis tondilon el sub la kapkuseno, dirante, "Se vi kuraĝas fari plian paŝon, mi ŝrikos por venigi homojn." La knabo ankoraŭ duonvoĉe diris, "Mia frato ne revenos ĉinokte!" Post tio, li eliris sen kapturno. Post kiam ŝi ŝtoniĝis momenton, ŝi tuj komprenis kaj postkuris.

Tirante ŝin je la mano, la knabo turnis sin jen laŭ dekstra direkto jan laŭ la maldekstra kaj fine eliris la vilaĝon sub la nokta vualo. Senparola, li kapklinite plirapidigis sian iradon, dum ŝi lin sekvis jam kun kelkaj vezikoj sur la plandoj. Ĉe tagiĝo, ili fine atingis la stacion de la urbeto. Li aĉetis bileton kaj donis ĝin al ŝi, dirante, "Vi hejmeniru!"

Ĉimomente la knabino povis eligi neniun vorton kaj nur faligis larmojn. En la momento, kiam la buso startis, ŝi rimarkis lian amaran rideton. "Ankaŭ mi devas hejmeniri."

Iun tagon post unu monato, kiam knabo, kiu paŝis helpe de lambastonoj, ricevis la de poŝtisto donitan leteron el malproksima loko, li unuafoje montris sian rideton sur la vizaĝo.

elĉinigis Kanglong

## Laoshe (1899—1966)

## Rideto

Kiel povus mi rikolti
adoreman la rideton.
En ĝi ne troviĝas ama implikaĵo,
sed ĝi donas al mi kaj libron kaj fieron!
Mi subite pensas pri ŝi,
kiu ne ridetas pro adoro
nek liberon nek fieron donas al mi.
Pro rideto ŝia l' univers' perlosimile
malgrandiĝus.
Plua pens' min des pli ĝenas:
ĉu mi povus pro ador' rideti?
ĉu povas mi ŝin legi kiel libron miran?
eĉ se tia, ĝi ne povis min ekstazi?
Plie ni senparole alvizaĝis unu al alia
nur du ridetnuboj perlo-inkrustitaj naĝas
sur la vangoj.
Venu, venu, venu!
Feoj kaj demonoj krias unuvoĉe.
Mi forkuris sovaĝejon, kaŝas en arbaron.
En la sonĝ' mi renkontiĝis kun rideto tia!
Kiel povus mi rikolti
adoreman la rideton?
En ĝi ne troviĝas ama implikaĵo,
sed ĝi donas al mi kaj libron kaj fieron!

elĉinigis **Zafo**

*ĉina moderna verkisto, kies ĉefverko estas *TeTrinkejo*.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio

Tel: (0757) 86366253 (hejme)

E-poŝto: vejdo@elerno.net

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.net/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_